XIV[a] jaro. N[o] 202 (6) ☆ Monata ☆ 5 junio 1917

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**JARA ABONO**

**Ordinara eldono** . . . . . . . . 5.— Frankoj (2.— Sm.)
**Luksa eldono** . . . . . . . . . 6.25 Frankoj (2.50 Sm.)
*Svisa poŝtĉeka konto I. 824.—Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*
*La abonoj komenciĝas de la 1[a] de ĉiu monato*

**REKLAMO**

**Reklamo** (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . 0.50 Fr. (0.20 Sm.)
**Anonceto** (1 linio: 10 vortoj) . . . . 0.40 Fr. (0.16 Sm.)
**Korespondado** (1 enskribo) . . . . . 0.50 Fr. (0.20 Sm.)
*Rabatoj: 4 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %; 24 enpresoj 50 %.*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



## *Al niaj legantoj*

*Por la someraj monatoj ni rilate al la apero de nia gazeto alprenis la saman aranĝon kiel en la lasta jaro:*

*La proksima N-ro de „Esperanto“ (julio-aŭgusto) aperos la **5 aŭgusto** en formo de duobla kajero.*

*La postproksima N-ro de „Esperanto“ (septembro-oktobro) aperos la **5 oktobro** ankaŭ en formo de duobla kajero.*

*ESPERANTO.*

NUNTEMPAĴOJ

# POR INTERŜTATA ORGANIZO

### Propono pri Eŭropa Federala Konsiliantaro

Kiam la venonta pactraktato estos kiel eble plej bone elimininta la ĉefajn faktorojn, el kiuj devenis la nunaj komplikaĵoj, kaj en ĉiuj landoj de Eŭropo la rezistoj kontraŭ la milito estos pliigitaj, la armadkonkurado ne plu havos pravon de ekzisto. Samtempe la financaj ŝarĝegoj malhelpos la ŝtatojn rekomenci antaŭ multaj jaroj la antaŭan frenezan armadkuradon. Sekve, la internacia politika situacio unuflanke, kaj la financaj necesaĵoj aliflanke, helpos trudi al la ŝtatoj, se ne tutan malarmadon, almenaŭ gravan malpligrandiĝon de armado. Ŝajnas do eble, ke post la milito formalaj konvencioj estos konkludataj inter la ŝtatoj por tiu ĉi celo, malgraŭ la gravaj praktikaj malfacilaĵoj pri la detaloj de tiuj interkonsentoj kaj la kontrolo de ilia plenumo.

La Haga tribunalo povos do kun nova energio kaj sub pli favoraj aŭspicioj repreni sian noblan mision de paciganto inter la ŝtatoj. Sed tie ĉi prezentas sin ĉefgrava demando: ĉu tia tribunalo sufiĉos por solvi ĉiun ajn interŝtatan malkonsenton?

Ni rimarku, ke por la interŝtataj malkonsentoj, la Haga tribunalo respondas proksimume al la institucio de la metiaj tribunaloj por la malkonsentoj inter labordonantoj kaj laborricevantoj. Nu, se la metia tribunalo povas solvi la *teknikajn malkonsentojn* pri la interpretado de jam fiksitaj laborkontraktoj, ĝi ne havas la povon juĝi pri la kondiĉoj de nova laborkontrakto. Je la templimo de laborkontrakto, la metia tribunalo ne rajtas decidi pri la „justeco“ de eventuala pligrandigo de salajroj aŭ la malpligrandigo de la laborhoroj. Tiuj novaj starigotaj kondiĉoj estas fikseblaj favore de unu aŭ de la alia partio nur laŭ ilia respektiva *forto;* neniu kriterio de formala justeco povus anstataŭi la bataladon de la kontraŭaj fortoj. La metian tribunalon, kiu estas *teknika organo,* anstataŭas tiam la reprezentantaroj de la labordonantoj kaj de la laborricevantoj; ambaŭ partioj penas unu la alian konvinki pri sia forto, kaj minacante sin reciproke per strikoj aŭ lokaŭtoj, ili iom post iom malpligrandigante siajn komence trograndigitajn pretendojn alproksimiĝas al la mezaj kondiĉoj, kiuj estos bazo por nova kontrakto.

Tiel same la Haga tribunalo, kiu jam servis kaj ĉiam bonege servos por solvi la teknikajn malkonsentojn pri interpretado de jam ekzistantaj interŝtataj kontraktoj, ne povos, kontraŭe, solvi la *politikajn* malkonsentojn, kiuj naskiĝas ĝuste kiam oni devas decidi pri novaj rilatoj fiksitaj per neniu antaŭa konvencio.

La malkonsentoj pri la demandoj de nacia „honoro“, kiujn la ŝtatoj ne volas submeti al la Haga tribunalo, ĝuste estas politikaj malkonsentoj. Pri ĉi tiuj, neniu ŝtato aŭ ŝtatgrupo, kiu kredas sin pli forta ol la kontraŭa ŝtato aŭ ŝtatgrupo, iam konsentos memvole sin fordoni al la juĝo de tribunalo, kiu pro manko de precizaj jam fiksitaj jurformuloj, devus sin gvidi per malprecizaj kaj elastaj kriterioj de abstrakta justeco. Sin submetante al tia juĝo, la pli forta ŝtato aŭ ŝtatgrupo riskus perdi la profitojn, kiujn ĝi povus ricevi ĝuste pro sia supera forto. Ekzemple, la malkonsento inter Aŭstrio kaj Serbujo pri marhaveno, je la fino de la dua balkana milito, estis esence politika malkonsento, ĉar ĝi koncernis novajn rilatojn de plia ekonomia sendependeco, kiun Serbujo petis kaj Aŭstrio rifuzis. Tia malkonsento estis solvebla en tia aŭ alia senco nur laŭ la respektiva potenco de ambaŭ ŝtatoj aŭ laŭ la respektiva potenco de la grandaj politikaj konstelacioj, al kiuj ili apartenis.

Por tiuj *politikaj* interŝtataj malkonsentoj, necese estus, ke la teknika organo, reprezentata de la Haga tribunalo kaj komisiata pri la pure jura interpretado, estu anstataŭata de politika organo, en kiu ĉiu ŝtato estus reprezentata proporcie al sia efektiva potenco. Tio fakte jam okazis pri ĉiuj grandaj eŭropaj demandoj, kiuj en la daŭro de la lastaj jaroj estis solvitaj de la tiel nomata „eŭropa koncerto“, ĉe kiu la influo de ĉiu reprezentanto estis, ne formale sed efektive, en rilato kun la politika potenco de la ŝtato lin komisiinta. Sufiĉus do sankcii kaj precizigi unu fojon por ĉiam tion, kio ĝis nun estis neesprimite, eĉ preskaŭ senkonscie, akceptita, sen preciza regulo por gvidi la bataladon de la kontraŭaj fortoj. La konsekvenco estus, ke la politikaj malkonsentoj daŭrigus esti ankoraŭ solvataj laŭ la respektiva potenco de la diversaj ŝtatoj aŭ ŝtatgrupoj, sed anstataŭ ilin solvi per minacoj kaj diplomatiaj intrigoj, aŭ, ankoraŭ pli malbone, per kanonoj, kiuj estas nuntempe la lasta solvilo de la gravaj konfliktoj, oni decidus pri ili per klare esprimita voĉdonado.

Tiun tezon formulis kaj vigle defendis pluraj aŭtoroj, i. a. la itala verkisto konata sub la pseŭdonimo Umano, en sia „Provo de internacia konstitucio“ (1907). Sed pli grave estas, ke tiu tezo jam ricevis aplikon en la germana Bundesrat aŭ Federala Konsilantaro.

Oni scias, ke tiu ĉi Konsilantaro konsistas el 58 membroj reprezentantaj la diversajn kunfederitajn ŝtatojn. Prusujo havas 17 reprezentantojn, Bavarujo 6, Vurtembergo, Badeno, Saksujo, k. t. p. reprezentantojn, kies nombro estas pli malalta, ĝis la malgrandaj ŝtatoj, kiuj havas nur unu reprezentanton. La membrojn de la Bundesrat elektas la registaroj de la diversaj ŝtatoj; ili voĉdonas laŭ la instrukcioj de sia registaro. Ĉiu ŝtato eĉ povas alkonfidi la tuton de la voĉoj, kiujn ĝi rajtas, al unu sola reprezentanto aŭ eĉ al reprezentanto de alia ŝtato.

La kriterio, kiu servis por la difino de la voĉnombro de ĉiu ŝtato, estis la politika potenco de la diversaj ŝtatoj, kiuj formis la antaŭan konfederacion. Sed tiu kriterio ne estas facile aplikebla. La politika potenco de iu ŝtato ja ne dependas sole de la nombro de ĝia loĝantaro; grave influas ĝin la *ekonomia forto* de la ŝtato, kies plej certa montrilo estas la meza individua riĉeco, nome la kvociento, kiun oni ricevas dividinte la sumon de la publikaj kaj privataj kapitaloj per la nombro de la loĝantoj. Oni do devus multobligi la ciferon de la loĝantaro per koeficiento, malsama laŭ la ŝtato, kaj konforma al ĝia ekonomia potenco. Sur la bazo de tiu kriterio fiksebla laŭ statistikoj, estus difinata la nombro de la voĉoj de ĉiu el la ŝtatoj reprezentataj ĉe la Eŭropa Federala Konsilantaro.

Oni povus simpligi, klasigante (sur la bazo de la priskribita kriterio) la ŝtatojn laŭ sep aŭ ok kategorioj de grandeco, donante al ĉiuj ŝtatoj de sama grandeco la saman voĉnombron: ekzemple, sep aŭ ok voĉojn por ĉiu el la tri pli grandaj regnoj, voĉojn pli kaj pli malmultajn al la aliaj, kaj unu voĉon al la malgrandaj ŝtatoj. La tuto de la voĉoj de ĉiuj malgrandaj ŝtatoj estus tiel verŝajne supera je la tuto de ilia loĝantaro kaj riĉeco, sed tio ne estus malbona, ĉar ĝi pliigus la eblecon de plia justeco en la decidoj de la Federala Konsilantaro.

Ĉu oni akceptas tian aŭ alian sistemon, estus necese, je fiksota intertempo, ekzemple ĉiu dudek- aŭ tridekjare, revizii la respektivan nombron de la voĉoj, tiel ke la reprezentado de ĉiu ŝtato estu ĉiam proporcia je ĝia efektiva potenco, kiu ŝanĝas kun la tempo. Ĉar la aplikado de la kriterio estus konsiderita kiel demando pure teknika, ĉiu revizio povus esti alkonfidata je la Haga tribunalo. La kalkulado de la loĝantaro kaj riĉeco de ĉiu lando devus rilati nur al la eŭropa teritorio, ne entenante la koloniojn kaj aliajn ekster-eŭropajn dependaĵojn; tamen en la sumo de la kapitaloj estus kalkulataj ankaŭ tiuj, kiujn la enlandanoj posedas en la kolonioj, tiel ke en la cifero de la kapitaloj aperus tiu pligrandiĝo de potenco, kiu rezultas el la posedo de grandaj kaj riĉaj kolonioj. Certaj „konstituciaj“ principoj, — netuŝebleco de la eŭropa kaj ekster-eŭropa teritorio de ĉiu ŝtato, fiksota laŭ la proksima packontrakto, neenmiksiĝo en la internajn aferojn de ĉiu ŝtato, k. t. p. — estus antaŭe deklaritaj kiel netuŝeblaj kaj sekve ne submeteblaj je diskuto de la Federala Konsilantaro.

Restas la malfacilaĵo pri la internacia sankcio eventuale aplikebla al la ŝtato, kiu rifuzus submeti kontestaĵon al la Federala Konsilantaro aŭ malakceptus ĝian decidon. Sed tiu malfacilaĵo ne estas nevenkebla pro la graveco de la interŝtataj rilatoj. Kiel iam proponis multaj aŭtoroj, ĉiuj ŝtatoj reprezentitaj ĉe la Federala Konsilantaro povus interkonsente puni la ribelintan ŝtaton, rompante kun ĝi ĉiujn diplomatiajn rilatojn kaj interrompante ĉiujn ekonomiajn kaj komercajn rilatojn; neniu ŝtato konsentus reprezenti kaj protekti la regnanojn de la ribelinta nacio apud la ŝtato aŭ ŝtatgrupo, kun kiuj la jurrompita regno troviĝus en milita ŝtato; ĉiu el ili forigus el sia teritorio la konsulan reprezentadon de la ribelinta ŝtato; ĉiuj privataj rajtoj de ĝiaj loĝantoj fremdlande (kreditoj, patentoj, rajtoj devenintaj de kontraktoj) estus nuligataj; iliaj bienoj estus konfiskataj, kaj tiel plu: sankcio paca kaj leĝa, kiu certe havus ian efikon, eĉ antaŭ la minaco de ĝenerala militista atakado de ĉiuj ŝtatoj kontraŭ la ribelinta nacio.

*Prof. Eugenio Rignano.*

Trad.[1]: *A. R.*

[1] El la Raportaro de la Centra Organizo por daŭra Paco.

---

La afektemo rilatas al la naturo kiel la artifika kolorŝmiraĵo al la beleco. — *Mirabeau.*

Ĉio afektita estas neperfekta. — *Napoleono.*

La energiaj homoj estas ambiciaj, ĉar ĉiu forto celas al agado. *Balzac.*

Oni ofte pasas de la amo al la ambicio; malofte oni revenas de la ambicio al amo. — *La Rochefoucauld.*

Nur en la malfeliĉo montriĝas la veraj amikoj; la feliĉo ĉiam havas amikojn. — *Eŭripido.*

El ĉio, kion la saĝo povas akiri por plifeliĉigi la vivon, la amikeco estas la plej bonega, la plej fruktodona, la plej profita. *Epikuro.*

 SOCIA VIVO 

## En Jeruzalemo

I

*La alveno*

Antaŭ la sunleviĝo, la tagon de nia eniro en Jeruzalemon, terura vento vekas nin. Sen la olivarboj nin ĉirkaŭantaj, niaj tendoj jam estus forflugintaj.

Rapide, oni devas sin vesti, refaldigi ĉiujn streĉitajn tendojn, ŝnurligi niajn pakaĵojn, kaj jen ni estas ekstere, sur la ŝtonoj, borde de la vojo, dum malgaja kaj malvarma mateno. Tiam, en granda konfuzo de nomadoj, ni ekrajdas du horojn pli frue ol ni pensis por serĉi definitivan ŝirmejon en la sankta urbo.

Inter teruraj nuboj, trans amasoj de polvo kaj sablo, leviĝas flave-pala suno, malbonsigna uragana suno.

Ĉion forflugigas, dispelas la vento pli kaj pli forte blovanta.

Unu horo de vojirado, en turnoventoj de polvo alternantaj kun turnoventoj de pluvo, sub blovegoj, kiuj etendas niajn burnusojn kiel flugilojn, kaj al niaj vizaĝoj alĵetas la kolharojn de niaj ĉevaloj . . .

Tie malproksime, aperas granda urbo, sur ŝtonplenaj kaj malgajaj montoj staras amaso de disaj konstruaĵoj, monaĥejoj, preĝejoj, ĉiustilaj kaj ĉiulandaj; tra la akrega pluvo aŭ polvovento, tio fariĝas videbla en maniero ankoraŭ konfuza, kaj de tempo al tempo dikaj nuboj antaŭpasantaj ĝin kaŝas al ni.

Ĉe la maldekstra parto de la montoj, nur malallogaj ajnaj konstruaĵoj; sed dekstre, estas ankoraŭ la antikva Jeruzalemo, kiel sur la bildoj de la naivaj meslibroj; Jeruzalemo rekonebla inter ĉiuj urboj, kun siaj severaj muroj kaj siaj ŝtonaj tegmentoj kun malgrandaj kupoloj; Jeruzalemo, malluma kaj alta, enfermita malantaŭ siaj kreneloj, sub nigra ĉielo.

Dum pli forta blovego, la fervojo pasas, fajfas, maltrankviligas mian ĉevalon, kaj pli plene konfuzas miajn pensojn, kiuj jam dise vagis laŭ la vento . . .

Ni alvenas en profundan fosaĵon, piede de supreniranta vojo, inter la banala kaj malŝatinda amaso de konstruaĵoj kovrantaj la maldekstran monteton — hoteloj, stacidomo, uzinoj — kaj la mallumaj krenelaj muroj, kiuj kovras la dekstran monteton. Ĉiugentaj homoj tie svarmas: Araboj, Turkoj, Beduenoj; sed precipe nordaj vizaĝoj, kiujn ni ne atendis, longaj maldensaj barboj sub felĉapoj; estas rusaj pilgrimantoj, malriĉaj mujikoj ĉifonvestitaj.

Fine, al la urbo kun la grandaj muroj, kiu superregas nin kun la turoj, la kreneloj, la strange malgaja maso, ni supreniras meze de tiu popolamaso, tra tiu glora vojo de la sieĝoj kaj bataloj, kie, sendube, tiom da Krucumitoj falis por la kredo. Momente, nin kaptas profunda emocio kiam ni komprenas kie ni estas, — sed tio estas rapida, konfuza, forportata de la bruo de la vento, de la proksimeco de l' lokomotivoj kaj vojaĝagentejoj. Alveninte supren, ni pasas sub la ogiva pordego de Jeruzalemo kun plena senkonscio, celante plej baldaŭ atingi ŝirmejon kontraŭ la pluvo, kiu ekfalas rapida, torenta kaj malvarmega.

* * *

La pluvo ekĉesas. La ĉielo elgutas malgaje kaj vidigas la unuajn bluajn striojn. Estas malseke kaj malvarme, la akvo ĉie fluadas laŭlonge de la malnovaj muroj.

Piedire, kun iu ajn Arabo kiel gvidanto, mi sole forkuras el la hotelo al la Sankta Tombo. Ĝi troviĝas en la direkto kontraŭa al tiu de la Dominikanoj, preskaŭ ĉe la koro de Jeruzalemo; oni devas pasi tra la mallarĝaj zigzagaj vojetoj, inter senfenestraj kaj sentegmentaj muroj tiel malnovaj kiel la Kruciroj. Sur la ankoraŭ malsekaj pavimoj, sub la ĉielo ankoraŭ malluma, cirkulas homoj oriente vestitaj, turkoj, beduenoj aŭ hebreoj, kaj virinoj, fantome drapiritaj, la mahometaninoj sub malhelaj vualoj, la kristaninoj sub blankaj vualoj.

La urbo restis araba. Mi distre ekvidas, ke ni trapasas orientan bazaron, kie la budoj estas okupataj de vendistoj kun turbanoj; en la duonlumo de la kovritaj vojetoj laŭvice pasas malrapidemaj kaj dikegaj kameloj, kiuj devigas nin eniri sub la pordojn. Nun, ni ankoraŭ devas iri flanken por cedi lokon al stranga kaj longa procesio de rusaj virinoj, ĉiuj almenaŭ sesdekjaraj, kiuj rapide marŝas, sin apogante per bastonoj; malnovaj velkintaj roboj, malnovaj pluvombreloj, malnovaj feloj, vizaĝoj lacaj kaj suferantaj, enkadrigitaj de nigraj tukoj; trupo nigra kaj malgaja, meze de la kolorplena Oriento. Ili rapide paŝas en ekscitita kaj laca irmaniero, ĉion dispuŝante kiel somnambulinoj, kun anesteziitaj okuloj, tute malfermitaj al la ĉiela revo. Sekvas ilin centoj da mujikoj kun tia sama ekstazrigardo, ĉiuj maljunaj, malriĉegaj, kun longaj grizaj barboj, kun longaj grizaj haroj elmontriĝantaj el la felĉapo; sur la brustoj multe da metaloj, montrantaj malnovajn soldatojn . . . Hieraŭ enirinte en la sanktan urbon, ili revenas de sia unua vizito al tiu loko de adorado, kien mi nun iras; kompatindaj pilgrimantoj, kiuj milope alvenas tien, piedirante, dormante ekstere sub la pluvo aŭ la neĝo, suferante de la malsato, kaj postlasante mortintojn sur la vojo . . .

Ju pli oni alproksimiĝas, des pli la orientaj objektoj en la budoj cedas lokon al objektoj de humila kristana pieco: miloj da rozarioj, krucoj, religiaj lampoj, bildoj aŭ ikonoj. Pli densa estas la popolamaso, kaj aliaj pilgrimantoj, maljunaj mujikoj, maljunaj „matuĉka", tie restas por aĉeti humilajn malgrandajn rozariojn, malgrandajn krucifiksojn, kiujn ili kunportos de tie kiel relikvojn eterne sanktajn.

Fine, en muro malnova kaj malglata kiel ŝtonego, malfermiĝas senforma pordo, tute mallarĝa, tute malalta, kaj tra serio de ŝtupoj oni malsupreniras al placo, kie superelstaras altaj malhelaj muroj, ĝuste kontraŭ la baziliko de la Sankta Tombo.

Sur tiu placo, oni kutime sin senĉapeligas tuj kiam aperas la Sankta Tombo, eĉ se oni nur trapasas ĝin por iri pluen en Jeruzalemo. Ĝi estas plena de malriĉuloj, kiuj almozpetas kantante, de preĝantaj pilgrimantoj, de vendistoj de krucoj kaj rozarioj, kiuj metis sian montraĵaron sub la eluzitajn kaj respektindajn ŝtonplatojn. Inter la pavimoj, inter la ŝtupoj aperas sokloj de kolonoj, kiuj iam portis bazilikojn kaj, kiel tiu de Sankta Stefano, estis detruitaj je duba malproksima epoko. Ĉio estas amasiĝo de restaĵoj en tiu urbo, kiu suferis dudekon de sieĝoj kaj estis ruinigita de ĉiuspecaj fanatikuloj.

*(Daŭrigota.)* *Pierre Loti.*

Trad.: *A. R.*

---

## La Kreolo

Laŭ ĝenerala opinio la Kreoloj, la nobelaro de Sud-Ameriko, estas konsiderataj kiel posteuloj de la enmigrintaj Hispanoj, kaj kontrastigitaj kun la „ruĝaj" praloĝantoj, ili estas la „blankuloj". Oni do rigardas ilin kiel specon de

aristokrata kasto, kiu, dank' al la gravega rasa malsameco, estas tiel same supera je la Indiano, kiel eble la aria Hindo je la pariao. Ke tiu ĉi difino estas malĝusta, tion jam montras la korpa strukturo de l Kreolo: lia flaveta haŭto, liaj pli dikaj, iom suprenfalditaj lipoj, lia plejofte pli malgranda staturo, la, precipe ĉe okulo kaj nazo, pli malakra vizaĝa profilo, la pli malpli elstarantaj okuloj, la certe bukla sed pli maldolĉa hararo, la malsufiĉa barbo; ĉiuj tiuj ĉi rimarkiloj disigas la Kreolon de la Eŭropano tiom, kiom ili lin alproksimigas al la Indiano.

Sed ankaŭ historiaj kaŭzoj nin devigas, malakcepti la puran eŭropan devenon de la Kreolo en la plimulto de liaj reprezentantoj. Kiel preskaŭ ĉiuj koloniistoj, la „conquistadores" transiris la maron sen familioj. La kunpreno de edzino kaj infanoj estis malebligita de la danĝera situacio de la unuaj koloniistoj meze de malamaj, venĝemaj sovaĝuloj, kaj de ilia malfirma vivmaniero, konsistanta ĉefe el ekspedicioj por la akiro de oro kaj sklavoj. Intertempe la Hispanoj uzis indianajn junulinojn, plejofte sen leĝa sankcio; tamen fariĝis ankaŭ komence leĝaj edziĝoj; tiajn ekzemple faris Pizarro kaj liaj oficiroj kun Inka-princidinoj kaj filinoj de kacikoj. Al la posteuloj de tiom nobelaj gepatroj oni ne povis rifuzi socian rangon, malgraŭ ilia nur duona sangopureco, kaj tuj kiam la barilo estis tiamaniere rompita, ne estis plu eble, konservi akurategan limon kontraŭ la „mestizos" (idoj de blankuloj kaj Indianinoj).

Kiam en la nova kolonia regno trankvilo kaj ordo estis sufiĉe evoluintaj, kelkaj Hispaninoj sekvis la edzon aŭ la fraton en lian malproksiman postenon; sed ilia nombro ne estis granda, ĉar la historiistoj neniam preterlasas, taŭge laŭdi la aventuremon de tiuj sinjorinoj. Estas plue rimarkinde, ke eĉ hodiaŭ la Eŭropanino pli ol la Eŭropano suferas pro la malfavoro de la klimato kaj la malsameco de la nutrajo, kaj tio kompreneble devis malhelpi la abundan enmigradon de virinoj.

Ankoraŭ alia cirkonstanco esence kontribuis por malhelpi kaj danĝerigi la kreon kaj persiston de konsiderinda nombro da puraj hispanaj familioj: Spite de sia proverba nacia fiero, la Hispano ne povas opinii la rasan purecon tiel grava kiel ekzemple la Anglosakso, ĉar la hispana nacio mem konsistas el heterogenaj elementoj (Celtoj, Germanoj kaj Araboj). La fakto, ke la Madrida registaro laŭsisteme konfidis la superajn publikajn oficojn en Sud-Ameriko nur al naciaj Hispanoj, ne valoras kiel kontraŭa argumento, ĉar ni ne sciiĝas, ke pure hispanaj Kreoloj estis preferitaj. Efikis pli verŝajne la pripenso, ke homo naskita en la senenergiiganta tropika klimato, posedas malpli da energio, kaj servas la interesojn de la devenlando kun malpli da fervoro ol la eŭropana Hispano. Fine tiu ĉi konduto, kiun la Sud-Amerikanoj sentis kiel gravan maljustecon, havis la konsekvencon, kunigi la Kreolojn de la du grupoj kontraŭ la naciaj Hispanoj kaj malfortigi, eĉ forigi la inter ili ekzistantajn malkonsentojn.

Etnografia distingo inter la Kreolo kaj la Indiano estas malfaciligata de la konsidero, ke la Indianoj loĝantaj en la kulturitaj regionoj laŭvere ne estas tiaj, sed ankaŭ miksuloj, kvankam kun pli forta aldono de indiana sango.

Kompreneble nur ekzakta esploro de kiel eble plej multaj generaciaj tabeloj povus plene klarigi la problemon de l' deveno de la Kreoloj. Ankaŭ tiurilate oni klopodis, kaj oficialaj statistikoj pri rasaparteneco estas faritaj. Sed laŭ kiaj principoj fariĝas tiuj lernantolistoj — por citi fakton de mi konatan? La filo de advokato, kuracisto aŭ bienposedanto tuj estas registrata kiel „blanko"; la ido de malsupera oficisto, butikisto aŭ kampulo kiel „mestizo", kaj la malriĉa filo de manlaboristo kiel „Indiano". Kiel alie farus la oficisto, ne havante fidindan direktilon?

El la dirito rezultas, ke la rasdiferenco inter la Kreoloj kaj iliaj „ruĝaj" regatoj ne estas esenca, sed nur relativa, ĉar tiuj povas sin glori nur pri iom pli da parenceco kun la blanka raso, kaj ke la kreola aristokrataro havas precipe socian karakteron. Ke tamen ekzistas tiom frapanta fendego inter la supera kaj malsupera klasoj de la sudamerikana loĝantaro, devas esti ĉefe atribuata al la egoismo kaj vanteco de la parvenuoj. Se estas vere, ke per suprenpuŝo de taŭgaj individuoj de la malsupera klaso fariĝas konstanta refreŝigo de la nobelaro, la tiamaniere favoritaj tute ne sentas sin kiel ligilulojn, sed kontraŭe ŝajnas, ke ili celas forgesigi sian malsuperan originon per tre maldolĉa konduto kontraŭ siaj antaŭaj klasfratoj. La plej krudaj kaj kruelaj laborkontrolistoj kaj bienadmistrantoj estas plejofte mestizoj kaj mulatoj de malsupera grado.

Per la difino de la Kreoloj kiel miksraso nenio estas dirita pri ilia kultura graveco, ĉar oni ja scias, ke estas inter ili inteligentaj kaj ankaŭ malpli taŭge naturdotitaj popoloj. La etiko kaj inteligenteco de la Kreolo povas esti komprenata nur per l' analizo de lia karaktero, kaj tio postulus pli da spaco ol havigas la kvadro de gazeta artikolo. Estu do nur montrita la fakto, ke la Kreolo prezentas al ni tipon nepre originalan, kiun kreis dum jarcentoj la plej diversaj faktoroj: krom la senĉesa kruciĝo de la du rasoj laŭ ĉiuj imageblaj nuancoj, ankaŭ klimatologiaj, geografiaj kaj historiaj influoj — originala tipo, kiu diferenciĝas, ne nur de la Eŭropano, sed precipe ankaŭ de la Nord-Amerikano. Tiu ĉi diferenco estas tiom granda, ke kiam Nord-Amerikano kaj Eŭropano kuniĝas, ili, malgraŭ komerca konkurado, sentas sin samspecaj rilate al la Kreolo, dum li siavice rigardas ambaŭ kiel „Estranjeros" (fremduloj), kaj havas por ili saman malfidon.

*D-ro A. Greulich.*
Trad.: *A. C.*

## Albanujo kaj ĝia loĝantaro

Landoj troviĝintaj en iom fabela malproksimo subite proksimiĝis al la centro de ĉiuj okazintajoj kaj interesoj. Ŝtatoj, pri kiuj oni ridetis, ricevis politikan signifon trans la rondo de la diplomataj oficejoj, en kiuj ili ja iam ludis malagrablan rolon. Provincoj kaj lokoj kun malfacile elparoleblaj nomoj fariĝis konataj; personoj, kies ekzisto estis nesciata en la granda mondo, subite famiĝis. Politikistoj, kiuj en spritĵurnaloj aperis sub iom karikatura aspekto, momente aspektas kiel seriozaj kaj gravaj personoj, kiuj movas levilon de la mondmaŝino.

Kion oni sciis antaŭ la milito pri Serbujo, Montenego, Albanujo? Pri la du unuaj oni ne malofte parolis kvazaŭ pri „operetŝtatoj"; Albanujon oni imagis kiel rabistoneston. Nu, tiuj „operetŝtatoj" fariĝis aktoroj de la plej granda dramo de la mondo, kaj Albanujo estas nun lando, pri kiu grandpotencoj esprimas fortan intereson. Eĉ oni ankoraŭ ridetis, kiam Albanujo estis citata dum la Balkana milito. Oni ridetis, kiam princo faris la provon doni al tiu lando aŭtonomion, fari modernan ŝtaton el lando dividita per gentobataloj, religiokaj mordiversecoj. La eksperimento malprosperis, sed de tiu tempo oni ne ĉesis okupi sin pri Albanujo, kaj la militokazintajoj daŭre plivigligis tiun intereson.

Kiam oni ekpensas pri tiu lando, du ideoj sin antaŭenpuŝas: la izoleco de la lando sekve de sia precipe montara karaktero kaj la leĝoj de la sangovenĝo, kiuj estas plenumataj de la Albanoj kun terura konsekvenco. Tiuj imagoj kaŭzis, ke oni ekvidas en la Albano sovaĝan sangsoifan, kruelan filon de la montoj, por kiu homvivo neniom valoras,

kies ponardo libere troviĝas en la zono, kaj kies fingroj daŭre ludas kun la ĉanoj de la pafilo aŭ pistolo. Krom tio nedevigebla kunulo, kiu atakas siajn malamikojn el kaŝitaj ŝtonfendegoj, kiun oni povas same malfacile persekuti en la netraireblaj vojetoj, kiel ĉamon en Alpoj. Ne tute laŭveraj estas tiuj opinioj. La karaktero de la Albanoj estas nek kruela, nek sangsoifa; estas eĉ afablaj kaj bonanimaj homoj, kiuj gastame akceptas la fremdulon, ilin nutras kaj gardas, se tiu ĉi bezonas protekton.

Tute malklaraj estas la opinioj, kiujn oni havas pri la Albanoj kiel popolo. Oni emas rigardi ilin kiel proksimajn parencojn de la Serboj, Bulgaroj aŭ Montenegranoj, resume ilin klasigi kiel Sudslavan popolon aŭ almenaŭ kiel branĉon de Sudslavoj. Eĉ tio ne estas ĝusta. Malgraŭ kelkaj kontraŭaj opinioj devas esti konstatate, ke la Albanoj en sia tuto havas nenion komunan kun la Slavoj, sed estas tute memstara popolo de tre antikva deveno, kies radiko ne plu povas esti esplorata kun absoluta certeco. La plej grandan verŝajnon havas la supozo, ke la Albanoj estas idoj de tiuj antikvaj Iliroj, kiuj disvastiĝis je la orientaj bordoj de la maro, nun nomata Adriatika, ĝis profunde en la internon de la lando. La Iliroj estis popolo formanta kune kun la antikvaj Trakoj branĉon de la tre disvastiĝinta Indogermana popol- kaj lingvo-familio; ĝi mem konsistis el pli granda nombro de gentoj, el kiuj la Albanoj formis kaj ankoraŭ formas unu. Estas ankaŭ sur la tero de antikva Ilirio kaj de Epiro, kie hodiaŭ la Albanoj loĝas kaj defendis sin tra jarcentoj malgraŭ multnombraj provoj de almilitoj kaj subpremoj. La neeblo submeti la Albanojn al ies regado — alie ol laŭnome — fortigis la proprecon de la popolo. Oni povas supozi, ke ĝi estas tute aparta popolo, kiu ne estas parenca kun la najbaraj, nek en antropologia, nek en pure korpa rilato, ĉar ankaŭ la lingvo de la Albanoj estas memstara inter la aro de la indogermanaj lingvoj. Tio ja multfoje estis diskutita, kaj kelkaj lingvistoj ekpruvis kaŭze de similecoj, kiuj ja estas retroveblaj inter ĉiuj lingvoj de l' mondo, la apartenon de l' albana je aliaj lingvoj. La eksperimentoj povas esti rigardataj kiel malsukcesintaj, ĉar malgraŭ la diligenta laboro ĉiuj esploristoj atingis alian rezultaton.

Oni ankaŭ kredis, ke oni povas plene diferencigi inter la Nord- kaj Sud-Albanoj. Eĉ bonaj konantoj de la lando estis kaptitaj de tiu eraro, parte el vera konvinko, parte ĉar pro politikaj kaŭzoj ili volis alligi la Albanojn al najbara popolo. Tiu aserto, ke la du ĉefgrupoj de la Albanoj — la Gegoj de l' nordo kaj la Toskoj de l' sudo — estus tute malsamaj popolgrupoj bazas sur la lingva diverseco sen atento pri la gravaj korpaj similecoj. Sed eĉ la lingva diverseco ne estas tiel grava kiel opinias la defendantoj de la nomita tezo. La diferenco inter la gega kaj la toska dialektoj ne estas tiel grava kiel, ekzemple, inter la bavara-aŭstria dialekto kaj la ŝvaba aŭ eĉ la platgermana. Se filo de la bavaraj montoj aŭ Vienano volus paroli kun Hamburgano, ĉiu en la hejma ĵargono, interkompreniĝo estus neebla, kvankam ambaŭ parolus germane. Sed la Gegoj kaj Toskoj povas bone kompreni unu la alian; tio pruvas, ke temas sole pri negravaj dialekt-diferencoj, kiuj ne rajtigas konkludi pri la ekzisto de du diversaj popolgentoj.

Tiu ĉi unueco de la popolo kaŭzis la forton de Albanujo, kiu ĝis nun ne povis esti submetata. Tamen, tiu ĉi unueco ne estas sufiĉe forta por esti ŝtatformanta, ĉar inter la firma konstruaĵo, formita per la komuna deveno estas grandaj diversoj rilate al la moroj, tradicio kaj religio. Tiuj diversoj fariĝis ĉiam pli forta malamikeco pro la fera kaj terura leĝo de la sangovenĝo, kiu devigas ĉiun ajn, kaŭze de kelkafoje antaŭgeneraciaj okazintaĵoj, penadi je la venĝo, konstante defendi la propran vivon kaj tiun de la familio kontraŭ la sampopolanoj.

La sangovenĝo estas antikva juĝo. Dum la malnova epoko kaj inter kelkaj popoloj ĝis la plej nova tempo, la vivo de ĉiu ne estis protektata de la ŝtato, precipe se ne temis pri malkuraĝa insida mortigo. Se iu estis mortigita, tiam estis la devo de la familio, precipe de l' filo, de l' frato aŭ de l' pli proksima vira parenco, venĝi la mortigon je la farinto aŭ je ties familio. Valoris vivo pro vivo. La familio ja formis la fundamenton de l' domo, de l' gento. Kiu mortigis membron de la familio, tiu ŝancelis tiun ĉi fundamenton plej grave, kaj konsekvence devis esti punota per sama ago. La aginto bone sciis la sekvojn, kaj serĉis eviti la punon, kelkafoje eĉ tiamaniere, ke li ankaŭ mortigis la venĝontojn. Per tio-ĉi vastiĝis la rondo de la sangovenĝo, kaj post kelka tempo ne nur la pli multaj familioj, sed ankaŭ la pli multaj gentoj troviĝis en sango-malpaco. Ĉe popoloj, kiuj povis evolucii al pli alta civilizacio, kaj tial altiĝis je pli justa jurkoncepto, la ŝtato prenis sur sin la protekton de l'vivo. Ĝi plenumas la sangovenĝon je la aginto, sed sole je tiu ĉi. Per la iloj de la forto ĝi prosperas regule kapti la aginton kaj kaŭzi alpacigon al la atencita leĝo. Kie tiaj modernaj principoj de justeco ne alradikiĝis ĉe popoloj, kiuj restis trans la jura evolucio, valoras la malnova ilo de justeco, la sangovenĝo.

Ke la sangovenĝo de la familio disvastiĝis je la ceteraj gentoj devenas ĉe la Albanoj el la antikva gentoleĝo (klanorganizo), kiu ankaŭ estas grava rilate al la edziĝo. Ofte oni malpermesas, aŭ almenaŭ ne volonte vidas, se edziĝoj estas farataj ekster la gento, eĉ en parenca gento. Krom tio ekzistas ankoraŭ strangaj ideoj pri iama sangoparenceco. Knabineto de katolika gento ekzemple neniam edziniĝus kun iu viro de malproksima mahometana gento, ne pro la diverseco de la religio, sed pro la rimarkinda tradicio el ne plu difinebla tempo, laŭ kiu ankoraŭ ekzistas sangoparenceco inter ambaŭ gentoj. La junulino kaj la junulo tial estas gefratoj, edziĝo inter gefratoj nature estas neebla. Tamen oni ne atentas la pli proksiman sangoparencecon, kiam temas pri amikaj gentoj.

La diverseco de la religioj nature ludas ne malgravan rolon. Parto de la Albanoj, la loĝantoj de la urboj kaj de l' montaro en norda kaj meza Albanujo, estas katolikoj. En suda Albanujo la Islamo estis pli disvastiĝinta, malgranda parto konfesas laŭ greka ritmo. La religio de la Albanoj estas eksterordinare miksita kun superstiĉo, iafoje restaĵoj de iama idoleco, escepte eble la religio de la mahometanoj, kiu estas formita per fiksaj reguloj de l' Korano. Strangaj superstiĉaj agoj akompanas la kristanan Albanon ĉe ĉiuj okazintaĵoj de l' vivo, de la lulilo ĝis la tombo.

*(Daŭrigota).*

Laŭ *D-ro B. Werner.*

Trad.: *R. Kreutz.*

# ✿ NOTOJ ✿

∴ **Alvoko por la rehejmigo de la militkaptitoj.** — La Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco sendis al la militantaj regnoj la jenan alvokon:

„Ĉar la milito havas daŭron de neniu antaŭviditan, venis la horo por pensi je la milionoj da viroj en kaptiteco de pli ol unu jaro. Ĉiuj, kiuj ilin vizitis, scias pri la fizikaj kaj moralaj suferoj de viroj malliberigitaj jam de longa tempo. Al la ĉiam kreskanta nesufiĉo de nutraĵoj, aldoniĝas la senkuraĝiĝo devenanta el la senagado kaj reĝima severeco. En kelkaj landoj, la mortado kreskas en timiga proporcio. La plej fortikaj sanoj, kun la tempo, ne plu povas rezisti

je la fizikaj kaj moralaj senigoj, kaj ĉiam pli multaj estas la viktimoj de la tuberkulozo.

„La registaroj kaj privataj iniciatoj ja laŭdinde agis por malpliakrigi la sorton de tiuj malfeliĉaj militviktimoj, sed la ekonomiaj kondiĉoj tiel pligraviĝis, la bezonoj estas tiel grandaj, ke oni estas devigata konstati, ke la estonteco de la militkaptitoj estas inda je la atento de ĉiuj, kiuj deziras, ke oni redonu al iliaj respektivaj landoj virojn ankoraŭ kapablajn utili al la socio. La solvo, kiu sin trudas, konsistas en tio, ke oni rehejmigu kiel eble plej multajn kaptitojn, komencante per tiuj, kiuj estis plej longe kaptitaj.

„Ĉiuj nacioj havas egalan intereson pri tio, ke iliaj filoj revenu sanaj korpe kaj spirite. La konscienco protestas kontraŭ la plilongigo de kaptado, kiu eble senigus Europon je kelkaj milionoj da homoj. Al la mortintoj glore falintaj sur la batalkampoj, al la vunditoj kaj kripligitoj, kial ankoraŭ aldoni la neripareblan perdon de tiom da malfeliĉuloj, kiujn oni povus redoni al iliaj familioj, konservi al la socio kaj al ilia patrujo? Ĉie mankas laboristoj: oni bezonegas ilin por la terkulturado; oni ja uzas por tio militkaptitojn, sed kiom pli produkta estus tiu laboro, se farus ĝin enlanduloj, kiuj, ne plu envicigote en la armeojn, laborus sur la kampoj, helpus por malpliigi la malbonon kaŭzitan de la milito, kaj tiel realportus al sia lando iom da bonstato kaj prospereco.

„Je la beninda tago de la militĉeso, oni ja devos liberigi ĉiujn militkaptitojn. Ĉu oni pensis pri la materiaj malfacilaĵoj por transporti plurajn milionojn da kaptitoj? Multaj monatoj forpasos antaŭ ol la kaptitoj en Balkanlandoj, en Turkujo, en Siberio kaj aliloke povos reveni. Kial ne komenci nun?

„La Internacia Komitato estas tiel konvinkita pri la urĝa neceso tuj zorgi pri la konservado de la sano kaj vivo de la militkaptitoj, ke ĝi solene alvokas al ĉiuj registaroj, petante, ke ili bonvolu kiel eble plej rapide interŝanĝi grandan nombron da ili kaj redoni ilin al la civila vivo. La milito amasigis tro da ruinoj, tro da funebroj, ĝi verŝigis tro da sango, por ke oni ne aŭskultu la voĉon de l' koro, de l' kompato, redonante al ilia patrujo ĉiujn ankoraŭ saveblajn virojn." — Por la Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco, *G. Ador*, prezidanto.

∴ **Artapliko en Borneo.** — De la norvega esplorvojaĝanto Carl Lumholz, kiu ĵus laboras en la insulo Borneo, alvenis antaŭ ne longe leteraj sciigoj. Li entreprenis gravan kaj rezultplenan ŝipveturadon ĉe la rivero Katingan (ankaŭ nomita Wondavei), de la enfluo supren. Tiu ĉi rivero enfluas en la maron okcidente de Bandjermansin. La registaro helpis la entreprenon, havigante al la vojaĝanto malgrandan vaporŝipon, kaj eĉ se li devis rezigni la esploron de la supra fluo de la rivero, li tamen kapablis ĝin suprenveturi sufiĉe malproksime. Li tiam povis konstati, ke la tuta regiono de l' Katinganrivero estas geografie treege esplorinda. La loĝantaro konsistas el Dajakoj, kiuj vere ne parolas malaje, sed tamen tiom longe troviĝis sub malaja influo, ke ili, ŝajne iom post iom forlasis siajn primitivajn morojn kaj kutimojn. La Kantingan-Dajakoj estas precipe rimarkindaj pro tio, ke ili estas por artaplikado la plej naturdotita gento inter ĉiuj enloĝantoj de Borneo. La tatuaĵoj, per kiuj ili surkovras bruston kaj brakojn, kaj de kiuj la norvega esploristo faris kelkajn kopiojn, estas tre bongustaj. Li estis atestanto de funebra soleno, kie la beleco de la ĉerko rilate al la formo, materialo kaj ornamaĵoj lin tre surprizis. La materialo estis belega kretoblanka lignospeco, kaj sur la ligno estis pentritaj belaj, grandaj praarbarfloroj. La arta lerteco tie aplikita estis mirinda, kaj la efekto memorigis pri francaj Gobelins. Lumholz sukcesis konatiĝi kun la kreintoj de tiu artaĵo; ili estis kvar junuloj, kiuj estis fabrikintaj la ĉerkon dum unu-du tagoj. Ili fine promesis, fabriki duan por Lumholz. Post tri semajnoj, kiam li ŝipveturis hejmen, li efektive povis ricevi ĝin, kaj li esperas, ke li povas ĝin sendifekte kunporti al Christiania kune kun aliaj multvaloraj objektoj kaj kolektaĵoj. — Trad.: *A. C.*

---

 LITERATURO 

# Bolesĉjo

Rakonto de **Maksim Gorkij**

Unu konato unu fojon jen kion rakontis al mi:

— Kiam mi estis en Moskvo studento, al mi okazis loĝi apude kun unu virino el „ĉi tiuj"... ĉu scias? Ŝi estis polino, ŝia nomo estis Terezo. Tre alta, forta brunulino, kun nigraj, kunkreskiĝintaj brovoj kaj kun vizaĝo granda, maldelikata, kvazaŭ elhakita per hakilo — ŝi timigadis min per besta brilo de siaj malhelaj okuloj, per densa, baseca voĉo, per veturigistaj manieroj, per la tuta sia grandega muskolplena figuro de bazara komercistino... Mi loĝis en subtegmento, kaj ŝia pordo estis kontraŭ la mia. Mi, en tiu tempo, neniam malfermis mian pordon, se mi sciis, ke ŝi estas hejme. Sed ĉi-tio, kompreneble, okazis malofte. Iafoje okazadis al mi renkonti ŝin sur la ŝtuparo, sur la korto, kaj ŝi ridetis al mi per rideto, kiun mi opiniis raba kaj cinika. Ne unu fojon mi vidis ŝin malsobra, kun la malklarigintaj okuloj, diskonfuzita, ridetante iel aparte malbele... En tiuj okazoj ŝi diradis al mi:

— Estu sana, sinjoro studento! — kaj ŝi malsaĝe ridegis, pligrandigante mian abomenon al ŝi. Mi forveturus el la loĝejo por eviti tiajn renkontojn kaj salutojn, sed mi havis tian ĉarman ĉambreton kun larĝa vidaĵo el la fenestro kaj en ĉi-tiu strato estis tre mallaŭte... Mi toleris.

Kaj subite, unu fojon en mateno, kiam mi kuŝis sur la dormobenko, penante trovi iajn pretekstojn por ne iri aŭskulti lekciojn, — estas malfermata la pordo kaj ĉi-tiu abomena Terezo krias de la sojlo per baso:

— Estu sana, sinjoro studento!

— Kion vi volas? — mi diris. Mi vidis, — ke ŝia vizaĝo estis konfuzita, peta... La vizaĝo estis neordinara por ŝi.

— Permesu, sinjoro, mi petos vin pri unu afero... Faru ĝin por mi!

Mi kuŝas, silentas kaj pensas:

Intrigo! Atenco je mia pureco, nek pli nek malpli!

Havu paciencon, Georgo.

— Mi bezonas sendi leteron en la patrujon, — ŝi diras tre petege, mallaŭte, malkuraĝe.

He, mi pensas, diablo estu kun ci, estu tiel! Mi stariĝis, sidiĝis al la tablo, prenis paperon kaj diris!

— Eniru ĉi-tien, mi petas, sidiĝu kaj diktu...

Ŝi alvenis, gardeme sidiĝis sur la seĝon kaj kun kulpa eksteraĵo rigardis min.

— Nu, al kiu estos letero?

— Laŭ vojo varsovia, en la urbon Svencjany al Boleslavo Kaŝput...

— Kion skribi... Diru...

— Ĉarma mia Bolesĉjo... koro mia... Mia fidela amato... Gardu cin Dipatrino! Ora mia koro, kial ci tiel delonge ne skribis al cia sopiranta kolombineto Terezo...

Mi apenaŭ ne ekridegis. „Sopiranta kolombineto" de dek du verŝokoj[1] da alteco, kun pudopeza pugnego kaj kun tia nigra vizaĝego, kvazaŭ la kolombineto la tutan vivon purigadis kamenajn tubojn kaj nek unu fojon sin lavis! Mi min detenis iel kaj demandis:

— Kiu li estas, ĉi-tiu Boleco?

— Bolesĉjo, sinjoro studento, — ŝi kvazaŭ ofendiĝis je mi pro tio, ke mi kripligis la nomon. — Li, Bolesĉjo, estas mia fianĉo...

— Fianĉo?!?

— Kial do sinjoro tiel ekmiris? Ĉu ĉe mi, fraŭlino, ne povas esti fianĉo?

Ŝi, fraŭlino?!... Bone?

— Ho, kial do! Ĉio okazas... Sed ĉu delonge li estas via fianĉo?...

[1] Verŝoko estas la rusa mezuro de longeco.

— La sesan jaron...

Ho, ho! — mi pensas. Nu, ni pretiĝis la leteron. Tian, mi diros al vi, delikatan kaj aman, ke mi mem, eble, interŝanĝus la lokon kun ĉi-tiu Bolesĉjo, se la korespondantino estus ne Terezo, sed io alia, pli malgranda ol ŝi.

— Jen mi anime dankas vin, sinjoro, pro la komplezo! — diris al mi Terezo, salutante. — Eble, ankaŭ mi povas servi al vi per io?

— Ne, mi tre dankas!

— Sed eble, ĉe la sinjoro sur la ĉemizo aŭ sur la pantalono estas truetoj?

Mi sentas, ke ĉi-tiu mastodono en jupo ruĝiĝis min, kaj mi tre maldelikate diris, ke mi ne bezonas ŝiajn komplezojn.

Ŝi foriris.

Pasis ĉirkaŭ du semajnoj... Vespero. Mi sidas antaŭ la fenestro kaj fajfas, pensante, por kio mi povas forlogi min de mi? Estas enue, sed la vetero estas malbonega, mi ne volas iri ien, kaj pro la enuo mi okupas min je memanalizo, kiel mi memoras? Ĉi-tio estas ankaŭ sufiĉe enua, sed pli mi nenion volis fari. Estas malfermata la pordo — glor' al Dio — iu venis...

— Ĉu sinjoro studento sin okupas per nenia ekstra afero?

Terezo! Hm...

— Ne... sed kio?

— Mi volus peti la sinjoron, ankoraŭ skribi leteron...

— Se vi volas... Al Bolesĉjo?

— Ne, nun jam de li...

— Ki-io?

— Ho, malsaĝa virino! Ne ĝuste mi, sinjoro, diris, pardonu! Nun jam, vidu, estas bezone ne al mi, sed al unu amikino... t. e. ne al amikino, sed... al unu konato... Li mem ne skribas... Li havas fianĉinon, jen kiel mi ankaŭ... Terezo... Tial, eble, sinjoro skribos leteron al tiu Terezo...

Mi rigardas ŝin — ŝia vizaĝo estas konfuzita, la fingroj tremas, ŝi konfuziĝas pro io — kaj... mi konjektas!...

— Jen kio, sinjorino, — mi diras, — neniajn Bolesĉjojn kaj Terezojn vi havas kaj ĉion ĉi-tion vi mensogas. Kaj ĉe mi vi ne profitos, kaj konatiĝi kun vi mi ne volas... Ĉu vi komprenis?

Ŝi subite iel strange ektimis, konfuziĝis, komencis levetadi kaj mallevetadi la piedojn kaj ridinde plaŭdi per la lipoj, dezirante ion diri kaj nenion dirante. Mi atendas, kio el ĉi-tio sekvos, kaj mi vidas kaj mi sentas, ke, ŝajnas, mi malmulte eraris, suspektinte ŝin en la deziro delogi min de la vojoj de la pieco. Ĉi-tie, kiel ŝajnas, estas io alia.

— Sinjoro studento, — komencis ŝi, kaj subite, eksvinginte per la mano krute, sin turnis al la pordo kaj foriris. Mi restis kun tre malbonega sento en animo, mi aŭdas — ŝia pordo ekbatis tre laŭte — ekkoleris, videble, la virinego... Mi malmulte pensis kaj decidis iri al ŝi kaj, vokinte ŝin ĉi-tien, mi skribos al ŝi ĉion, kio estas bezona.

Mi eniras en ŝian ĉambron — mi vidas, ke ŝi sidas ĉe la tablo, apogis sin sur ĝin per la kubutoj kaj la kapon kunpremis per la manoj.

— Aŭskultu, — mi diras...

... Ĉiam, kiam mi rakontas ĉi-tiun historion kaj venas al ĉi-tiu loko, mi sentas min terure malsaĝe... granda malsaĝajo! Je-es...

— Aŭskultu, mi diras...

Ŝi eksaltas de la loko, iras al mi brilante per la okuloj, kaj komencas, metinte al mi la manoj sur la ŝultrojn, murmureti... pli certe, sonegi per sia baso...

— Nu kio do? Nu? Tiel! Ekzistas nenia Bolesĉjo, nenia... Kaj Terezo ankaŭ ne ekzistas! Sed kio vin tuŝas? Por vi estas malfacile konduki per la plumo sur la papero, jes? He, vi! Sed ankoraŭ tia... blanketulo! Neniu ekzistas, nek Bolesĉjo, nek Terezo, nur mi sola ekzistas! Nu, kio do, nu?

— Permesu, — mi diras, miregigita pro ĉi-tiu maniero, — en kio estas afero? — Bolesĉjo ne ekzistas?

— Jes, ne ekzistas! Sed kio do?

— Sed Terezo ankaŭ ne ekzistas?

— Terezo ankaŭ ne ekzistas! Mi estas Terezo!

Mi nenion komprenas! Mi malfermegas sur ŝin la okulojn kaj penas difini, kiu el ni freneziĝis? Kaj ŝi foriris ree al la tablo, serĉis tie, kaj iras al mi kaj ofendite diras:

— Se por vi estas tiel malfacile skribi al Bolesĉjo, tial jen ĝi estas, via skribaĵo, prenu! Kaj por mi aliaj skribos...

Mi vidas — en mia mano troviĝas la letero al Bolesĉjo. T-fu?

— Aŭskultu, Terezo! Kion ĉio ĉi-tio signifas? Por kio al vi estas bezona, ke skribu aliaj, se mi skribis, kaj vi ĝin ne sendis?

— Kien?

— Kaj al ĉi-tiu... al Bolesĉjo?

— Sed li do ne ekzistas!

Mi absolute nenion komprenas! Restis sole ekkraĉi kaj foriri. Sed ŝi klarigis.

— Kio do? — ofendite komencis ŝi paroli. — Li ne ekzistis kaj ne ekzistas! Kaj ŝi disigis la manojn, kvazaŭ ne komprenante, kial do li ne ekzistas.

— Sed mi volas, ke li ekzistu... Ĉu do mi ne estas homo, kiel ĉiuj? Kompreneble, mi... mi scias... Sed ja neniu ricevas malutilon de tio, ke mi skribas al li...

— Permesu — al kiu?

— Sed al Bolesĉjo do!

— Sed ja li ne ekzistas?

— Ha, Jezuo-Mario! Nu kio do, ke ne ekzistas, nu? Ne ekzistas, sed kvazaŭ ekzistas!... Mi skribas al li, nu, kaj sekve kvazaŭ li ekzistas... Kaj Terezo — tio ĉi estas mi, kaj li al mi respondas, kaj mi ree al li...

Mi komprenis... Al mi fariĝis tiel dolore, tiel malbonege, tiel honte ial. Apud mi, post tri paŝoj de mi loĝas homo, kiu sur la tero havas neniun, kiu povus rilati al li ame, kore, kaj ĉi-tiu homo elpensas por si amikon!

— Jen vi por mi skribis leteron al Bolesĉjo, kaj mi ĝin donis al alia tralegi, kaj kiam oni legas al mi, mi aŭskultas kaj kredas, ke Bolesĉjo ekzistas! Kaj mi petas, skribi leteron de Bolesĉjo al Terezo... al mi. Kiam tian leteron oni pretigas kaj legas al mi, mi jam tute kredas, ke Bolesĉjo ekzistas. Kaj de ĉi-tio mi pli facile vivas...

... Jes... Diablo prenu!... Nu, mi de tiu tempo komencis akurate du fojojn en semajno skribi leterojn al Bolesĉjo kaj respondon de Bolesĉjo al Terezo. Bone mi skribis ĉi-tiujn respondojn... Ŝi en tiu tempo aŭskultas ilin kaj ploregas... ploregas per granda baso. Kaj por tio, ke mi eligadis ĉe ŝi per la leteroj al ŝi de la imagata Bolesĉjo larmojn, ŝi por mi ŝtopis ĉiujn truetojn sur la ŝtrumpoj, ĉemizoj kaj ceterajo... Post tri monatoj post ĉi-tiu historio, oni ŝin metis pro io en la malliberejon. Kaj nun ŝi certe mortis.

... Mia konato forblovis la cindron de la cigaredo, enpense rigardis la ĉielon kaj finis:

Jes... Kiom plimulte homo provis da maldolĉaĵo, tiom pli furioze li deziregas da dolĉaĵo. Kaj ĉi-tion ne komprenas ni, vestitaj en niajn malfirmajn virtojn kaj rigardante unu la alian tra krepo de memfiereco kaj konvinko je nia ĉia senpekeco...

Sekvas sufiĉe malsaĝe kaj... tre kruele. Ni diras, ke ili estas falintaj homoj... Sed kio estas falintaj homoj? Antaŭ ĉio ili estas homoj kun tia sama osto, kun tia sama viando kaj kun tiaj samaj nervoj, kiajn ni havas. Oni diras al ni pri ĉi-tio tutajn jarcentojn, tago post tago. Kaj ni aŭskultas kaj... diablo scias kiel ĉio ĉi-tio estas malsaĝe! Ĉu ni jam tute surdiĝis de la laŭta prediko de humanismo?... En efektiveco, ni mem estas ankaŭ falintaj kaj, se vi volas, eĉ tre profunde falintaj... en profundaĵon de ĉia memfiereco kaj konvinko je plisupereco de niaj nervoj kaj cerboj ol la cerboj kaj la nervoj de tiuj homoj, kiuj estas nur pli malmulte ruzaj ol ni, pli malbone povas sin ŝajnigi bonaj, ol ni nin ŝajnigas... Tamen, estas sufiĉe pri ĉi-tio. Ĉio ĉi-tio estas tre malnova... ke eĉ paroli estas hontinde... Tre malnova... jes!...

Postmorta traduko de
*Ivan Seleznjov* (1901).

# Bileto de blankbarbulo

## Stoikaj paĝoj

*al militkaptita filo*

*Ĉu ekzistas atomoj, ĉu ekzistas naturo, tio ĉi estas certa, unue: ke mi estas parto de l' Tuto, kiun regas la Naturo, due: ke mi estas kelkmaniere parenco de la ceteraj partoj, miaj samuloj.*

*Memorante tiujn ĉi principojn, kiel parto de l' Tuto, mi ne ribelos kontraŭ la okazintaĵoj, kiujn asignas al mi la Tuto, tial ke nenio povas malutili la parton, kio estas utila al la Tuto, kaj tial ke en la Tuto nenio estas, kio al ĝi ne estas utila: mi do, parto de l' Tuto, akceptos ne murmurante ĉiujn okazintaĵojn; — kiel parenco de la ceteraj partoj, miaj samuloj, nenion mi faros, kio povus esti malutila al la socio, sed kontraŭe mi zorgos pri miaj samuloj, mi direktos mian tutan agemon al la komuna utileco kaj ĝin fortiros de ĉio mala.*

*Kaj siamaniere feliĉa fluos necese la vivo, kiel ŝajnus al ni feliĉa la vivo de civitano, kiu ĝin pasigus en agoj utilaj al siaj samcivitanoj kaj ĝoje akceptus la rolon, kiun donas al li la civito.*

*Laboru do ne kiel mizerulo, nek kiel homo kompatinda aŭ admirinda. Nur unu volon havu: agi aŭ ĉesigi la agadon laŭ la racio de socia vivo!*

*El* Marko Aŭrelio.
*Trad.:* Th. Cart.

## KRONIKO

Ni petas, ke oni bonvolu sendi ĉiujn komunikaĵojn utilajn por la redaktado de tiu kroniko ĉiumonate antaŭ la 20a. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri kursoj, paroladoj, novaj grupoj, festoj, k. t. p., kaj — tiom kiom ili havas neŭtralan karakteron — komunikojn de la naciaj societoj, kies organo estas momente interrompita.

### Aŭstrio-Hungario.

*Praha:* Pri la morto de D-ro Zamenhof, F-ino J. Šupichova faris longan paroladon en sia grupo, kaj publikigis artikolojn en la gazetojn „Rozkvet", „Malý Čtenář", „Náchodské Listy". — *Wien:* S-ro Direktoro Schamanek, nova lektoro por Esp. ĉe la alta Teknika Lernejo komencos dekseshoran Esp.-kurson, pri kiu lingvistoj kaj lingvo-instruistoj estas speciale atentigataj. La instituto „Apolloneum" (popolkleriga instituto) anoncas Esp.-kurson. Okaze de la morto de D-ro Zamenhof, okazis en la Teknika Altlernejo memoriga kunveno, kiun vizitis du cent personoj. S-roj Hartwich, Prof. Simon kaj Red. Schade paroladis pri la vivo kaj laboroj de nia Majstro; D-ro Sós deklamis „La Preĝo".

### Britujo.

*Brighton and Hove:* Amika vesperkunveno estis aranĝita. — *Burnley:* S-ro Currie, prez. de la grupo, estis delegita por partopreni la Nacian Konferencon de la Komercaj Ĉambroj en Scarborough speciale por proponi rezolucion pri Esp. — *Edinburgh:* Okazis la ĉiujara kunveno de la Esp. Societo. La jara raporto montris, ke la anaro pligrandiĝis dum la jaro. — *Glasgow:* La „Parol-rondo" festis la finon de la vintra sezono per amika vespero. — *Leeds:* Vigla propagando estis farita okaze de la Konferenco de la Sendependa Laborista Partio. — *London:* La 6 majo okazis ĉe Harecourt-Preĝejo Esp. diservo memoriga por D-ro Zamenhof. Partoprenis 250—300 samideanoj. Parolis S-ro J. M. Warden, prez. B. E. A., kaj D-ro Pollen. La prezidanto legis leteron simpatian de Sir Vezey Strong, eksurbestro de Londono. Okaze de la ceremonio estis eldonita speciala kantfolio. S-ro S. R. Marshall paroladis kun sukceso antaŭ la membroj de la Asocio de Komercvojaĝistoj (Londona grupo). Kurso estos aranĝata. — *Woolwich:* S-ro Bernard Long faris paroladon pri „Lingvo kaj mondpaco"; sekvis interesa diskuto, en kiu partoprenis Esp-istoj.

### Danujo.

Pro trafikaj malhelpaĵoj, la reprezentantaro de Centra Dana Esp. Ligo decidis neokazigi la jarkunvenon en Kolding. — *Kopenhago:* En „Konversacia Esp. Klubo" okazis solena memorfesto pro la morto de nia kara Majstro. La klubejo estis ornamita per Esp. flagoj kaj la krepĉirkaŭita portreto de D-ro Zamenhof. Unue la Funebra Marŝo de Chopin kortuŝite estis pianludata de F-ino Amélie Bjarnov, kaj poste la prez., S-ro kand. fil. Blicher, faris la memorparoladon, en kiu li precipe memoris pri la homamanta animo de la verkinto de nia lingvo, kaj cetere atentigis, ke Esp. kompreneble ne mortas kune kun sia kreinto, ĉar ĝi jam longatempe staras firme, kaj la Esperantistaro volas labori energie kaj fidele por realigi la pensojn de nia Majstro. La sentplena solenfesto estas finita per kanto de la Himno. Malfrue, je la sama vespero, la danaj Esp-istoj en la stacidomo adiaŭis S-inon Paula Parrish, la dannaskitan edzinon de S-ro D. E. Parrish en Usono, la konata propagandisto por Esp. kaj Kalifornio dum longa vojaĝo en Eŭropo antaŭ malmultaj jaroj. S-ino Parrish post duonjara vizito en sia patra hejmo revojaĝis al sia edzo en Ameriko.

### Francujo.

*Alger:* La kursoj daŭre funkcias kaj kunvenoj okazas ĉiumonate ĉe S-ino Gonnet. — *Cette:* S-ro Martin klopodas fondi grupon en tiu urbo. — *Charleville:* Ni eksciis, ke nia Del., S-ro Tournier, organizis kurson. — *Narbonne:* La urba konsilantaro aljuĝis donaceton da 50 Fr. al la grupo kiel kuraĝigo. — *Paris:* Kelkaj gazetoj publikigis nekrologian artikolon pri D-ro Zamenhof, i. a.: „L'Eclair", „Le Journal du Peuple", „L'Homme enchainé". — *St-Omer:* S-ro Deligny gvidas kurson por junuloj, ĉe la liceo, kun tridek lernantoj.

### Germanujo.

*Berlin:* La Berlinaj Esp-istoj aranĝis je la memorigo de D-ro Zamenhof kunvenon, ĉe kiu paroladis D-ro Kliemke kaj pluraj eminentuloj. Oni dezidis la starigon de Esperanto-domo. — *Dresden:* Ĉe la aprila kunveno de UEA S-ro Kubenz faris tre interesan paroladon pri siaj travivaĵoj en Montenegro. Ĉe la posta kunveno, F-ino Hankel parolis pri siaj travivaĵoj en Esperantujo. — *Frankfurt a. M.:* La gazeto „Frankfurter Zeitung" publikigis felietonan artikolon pri D-ro Zamenhof. — *Gera:* La „Turinga Instruista Gazeto" aperis instigan alvokon al la Turinga instruistaro por kunlaboro je la Esp. movado. — *Hamburg:* En la gazeto „Vortrupp", S-ro Prof. D-ro W. Köppen verkis artikolon favoran al Esp. — *München:* La gazetoj „Sport", „Zeit" kaj „Deutsche Kraft", eldonataj de firmo A. Resch & Co. publikigas instrunotojn pri nia lingvo; prizorgas ilin la Esp.-Instituto en München.

### Italujo.

*Arona:* Dank' al la iniciato de S-ro Peruchetti, Del. de nia Asocio, grupeto fondiĝis.

### Nederlando.

*Hengelo:* Okazis sukcesa propaganda kunveno, ĉe kiu ĉeestis pli ol 200 personoj, kiuj atente aŭskultis interesan paroladon de S-ro A. Smit, el Haarlem. — *Zeist:* Ĉe la internigejo, S-ro De Backer malfermis la sesan kurson; ĝin vizitas trideko da novaj varbitoj.

## Norvegujo.

*Kristiania:* Memorfesto pri D-ro Zamenhof okazis ĉe la Del. de Kristiania. La programo enhavis Esperanto-Kanton, funebrajn marŝojn kaj paroladon de S-ro B. J. Klingenberg. Multnombraj personoj, ankaŭ neesperantistoj, ĉeestis. La Esp-istoj publike portis funebron dum dekkvar tagoj.

## Portugalujo.

*Lisbono:* La 8 aprilo S-ro Saldanha Carreira, sekretario de Lisbona Esp. Societo, faris tre belan paroladon ĉe la Instituto Branco Rodrigues, lernejo por blinduloj. Tiu parolado havis tre bonan sukceson, kaj baldaŭ tiu sinjoro malfermos kurson por la blinduloj. Estas la unua fojo kiam tia provo estos farata en Portugalujo. La 15 aprilo la sama samideano aperigis en la gazeto „Jornal do Commercio e das Colonias" alvokon al ĉiuj Esperantistoj por monkolekto internacia, kies celo estus aĉeti kreditpaperojn de la respektivaj landoj kaj donaci ilin la 15 decembro al D-ro Zamenhof, kiel pruvon de dankemo de la Esperantistaro. Sed, ho ve, du tagoj post la apero de tiu-ĉi ideo, la lisbonaj Esperantistoj sciiĝis per telegramo pri la morto de nia kara Majstro. La ideo estis do nuligata, tamen la monkolekto daŭrigos, nur kun nacia karaktero, por la starigo en Lisbono de malgranda monumento al la elpensinto de Esperanto.

## Svedujo.

La jarkunveno de Sveda Esp.-Federacio okazos dum la somero ĉe la kuracloko Mösseberg apud urbo Falköping. — *Stockholm:* La grupoj intencas aranĝi komunan feston okaze de la tridekjara datreveno de la publikigo de Esp. La gazeto „Antikrigsorder" daŭrigas dediĉi unu paĝon al nia lingvo.

## Svisujo.

*Bern:* Okaze de la morto de nia Majstro, la grupo aranĝis specialan kunvenon. D-ro Olŝvanger faris la ĉefan paroladon. — *Chaux-de-Fonds:* La taga gazeto „La Sentinelle" publikigis pri D-ro Zamenhof bonegan artikolon de S-ro J. Wenger. — *Genève:* Ĉe la grupo, S-ro H. Hodler faris paroladon okaze de la morto de D-ro Zamenhof. Pri la sama temo aperis longaj artikoloj en „Journal de Genève" (Ed. Privat) kaj „Tribune de Genève" (H. Hodler). — *Lausanne:* Pri D-ro Zamenhof S-ro de Saussure publikigis longan artikolon en la „Gazette de Lausanne" kaj S-ro H. Hodler en la „Voix de l'Humanité". — *Locarno:* Nia lingvo ekdisvastiĝas en tiu fremdul-urbo de itallingva Svisujo. Klubo fondiĝis. Sub la gvidado de S-roj Isella kaj Martelotta okazas kurso, kiun ĉeestas ĉ. tridek personoj. — *Neuchâtel:* S-ro Stroele gvidas nun superan kurson. — *Zürich:* La grava ĵurnalo „Neue Zürcher Zeitung" dediĉis felietonon al D-ro Zamenhof; la artikolon verkis S-ro E. O. Egli. La „Grütlianer" aperigis pri nia Majstro artikolon do S-ro H. Fridöri.

## Argentino.

*Buenos Aires:* Esp. Grupo Casal Catalá sukcese komencis novan kurson kun ĉeesto de 40 personoj. En la sidejo de la Centro Esp. de Buenos Aires oni malfermis novan kurson kun 30 personoj. En la sidejo de Liberiga Stelo nova kurso estas komencita kun 30 lernantoj. Bone prosperas la kursoj per korespondado aranĝitaj de la Centro Esp. kaj la Esp. Grupo Casal Catalá; pli ol 700 cent personoj el la tuta respubliko nun lernas Esperanton per korespondado. Personoj dezirantaj korespondadi kun argentinaj samideanoj, bonvolu sin turni al la Esperanta Grupo Casal Catalá, 782, Str. San Juan, Buenos Aires (Argentino). — *La Plata:* La Esp. Societo havas du kursojn kun entute kvindek personoj. Kurso por sinjorinoj ankaŭ malfermiĝos. Tiujn ĉi kursojn gvidas S-ro Baldomero Escayol, helpata de S-roj A. Tagliaferri, A. del Rio kaj F. Napoli. — *Pergamino:* Nova kurso estas malfermita; vizitas ĝin pli ol dudek personoj.

---

# DIVERSAĴOJ

∴ **Esperanto kaj paco.** — En Skara (Svedujo), okazis je la 27 januaro paca festa kunveno, je kiu partoprenis 267 personoj. La jena deziresprimo estis unuvoĉe akceptita:

„La universala helplingvo, ellaborita de la kuracisto Doktoro L. Zamenhof en Varsovio, de preskaŭ tridek jaroj tre efike akcelis la packlopodojn, ĉar dank' al ĝi milionoj da homoj, apartenantaj al ĉiuj rasoj kaj parolantaj diversajn naciajn lingvojn pliproksimiĝis unu al alia, lernante konsideri sin kiel fratojn kaj membrojn de unu sola granda familio — la homaro. La tutmonda helplingvo ĉiujare atingas konsiderinde pligrandiĝantan disvastiĝon, kaj samgrade do, eble je maniero plej penetranta la sentojn, ankaŭ la konscio pri kunfrateco de la homaro pli kaj pli fortiĝas, pli kaj pli disvastiĝas kaj akiras kreskantan influon.

„Pro tiuj ĉi kaŭzoj ni opinias, ke D-ro L. Zamenhof tre grave kaj efike agadis por la sukceso de la paclaboro, ke li plej evidente meritas ricevi la pacpremion de Nobel. Tial ni direktas al ĉiu membro de la Nobel-institucio respektoplenan peton, ke tiu rekompenco kaj apogo estu donataj al la kreinto de la universala helplingvo, D-ro L. Zamenhof.

„Al ĉiuj porpacaj organizoj — kaj al ĉiuj organizaĵoj de Esperantistoj — en la tuta mondo ni plue direktas insistan alvokon, ke ili aliĝu al ni je tiu peto."

Je la nomo de la kunvenintoj:

*Aug. Nilsson*, urbestro, Prezidanto de la Kunveno. — *A. Rosenberg*, sekretario.

Pro la morto de nia Majstro, la praktika parto de tiu deziresprimo (Pacpremio al D-ro Zamenhof) fariĝis bedaŭrinde sencela, sed la rezolucio restas interesa, ĉar ĝi bone montras la signifon de Esperanto por la paca movado.

---

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Morto de Doktoro Zamenhof.** — En la nomo de la tuta Asocio, la C. O. de UEA esprimas al S-ino Zamenhof kaj al la familio de nia Majstro siajn tutkorajn kondolencojn okaze de la kruela malfeliĉo trafinta ilin kune kun la tutmonda Esperantistaro.

Ĝi kun danko rememoras pri la simpatio, kiun Doktoro Zamenhof ĉiam montris por la celado de UEA, kies honoran prezidon li bonvolis akcepti en la jaro de ĝia kreiĝo.

Plej inde ni ĉiuj honorigos la karan mortinton, daŭrigante fidele laboradi por Esperanto, laŭ la vojo de li montrita, „ĉiam rekte, kuraĝe, kaj ne flankiĝante . . .".

**Postmorta donaco al UEA.** — Nia fervora Delegito en Santa Rosa (Kalifornio, Usono), S-ro Guy F. Griffith, kiu mortis en februaro 1917, esprimis la lastan deziron, ke lia familio sendu al la Esperanta Asocio (Boston) kaj al UEA po la duono el la mono, kiu restos en la banko tuj post la pagoj pri la funebra ceremonio, k. t. p. Sekve de tio ni donace ricevis de S-ro N. A. Griffith patro, la sumon da 14 dolaroj.

Tiu ĉi kortuŝa ekzemplo pri lasthora penso al la vivo de niaj Esperantaj institucioj restu memorinda kaj imitinda.

### Garantia kapitalo.

**Listo de garantiantoj** (Dua parto)

| | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo | 750 |
| 7. P. J. Vermaas, Rotterdam (Nederlando) . . . . . . . | 125 |
| Frankoj | 875 |

Ĉiu Garantianto estas dumviva membro de UEA kaj senpage ricevas la luksan eldonon de „Esperanto". Mendojn de atestoj oni bonvolu adresi al la Centra Oficejo de UEA. La sumo estu pagata plej malfrue tri monatojn post la promeso al UEA, aŭ prefere al la banko, kiu kvitancos la ricevon. Adreso: Kantonalbank Bern (Banque Cantonale Berne), [Nationalbankkonto 1020, Svisa poŝta ĉeko III, 106].

La Financa Fakestro: *Ed. Stettler.*

**Kotizaĵoj por 1917.** — Je la 30 aprilo estis enkasigitaj 1614 kotizaĵoj (el kiuj 74 subtenantoj). Krom tio estas 157 dumvivaj membroj. Sume: 1771. — *Esperantiaj Entreprenoj*: 46.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato aprilo:

| Ricevitaj | Forsenditaj |
|---|---|
| 650 | 673 |

*Tuta sumo:* 1323. (Antaŭa monato: 1600.)

**Subtenantaj membroj.** — Estas subtenanta membro de UEA ĉiu persono, kiu por helpado al la Asocio bonvolas pagi minimuman kotizaĵon da 5 Frankoj.

*Kvara listo:*

71. J. N. Berrios (Barranquitas, Porto Rico). — 72. S-ino L. Hurd (Seattle). — 73. E. C. Mawbey (Johannesburg). — 74. J. Badals Roca (Mar del Plata). — 75. J. E. David (Genève). — 76. Wilder H. Haines (Cambridge, Mass.). — 77. H. Poensgen (Kaiserswerth).

### Novaj Delegitoj.

*La Plata* (Argentina Resp.). — D.: S-ro Baldomero Escayol, ĉapelisto, 40, 3. esq. — VD.: S-ro A. Tagliaferri, desegnisto, 539, 3. esq.

### Rimarkoj.

Provizore ne plu estas Del. en jenaj regionoj: *Bexhill-on-Sea* (Anglujo); *Brooklyn* (Usono).

# La morto de D-ro Zamenhof

## D-ro Zamenhof kaj UEA

Nia kara Majstro ĉiam montriĝis amiko al nia Asocio. En Dresdeno, li ĉeestis nian unuan kongres-kunsidon, kaj tie akceptis la titolon de Honora Prezidanto. Li tie deklaris, ke „konstatinte la taskon jam efektivigitan kaj konatiĝinte kun ĝiaj fundamentaj principoj, ne povas ekzisti la plej malgranda dubo pri tio, ke UEA estas la plej grava institucio de Esperantismo."

En Barcelono, li ankaŭ parolis ĉe la malferma kunsido de UEA kaj diris inter alie: „UEA unuigas do ne ĉiujn Esperantistojn, sed ĉiujn Esperantismanojn, t. e. ĉiujn homojn, kiuj konsideras ne nur Esperanton en ĝia ekstera lingva formo, sed ankaŭ ĝian internan ideon. Ke la pli granda parto de la Esperantistaro konsentas kun tiu ĉi ideo pruvas la fakto, ke en malmulte da tempo via Asocio ricevis la plej favoran akcepton en nia movado. Oni ĉie komprenas, ke UEA liveras taŭgan neŭtralan fundamenton por ĉiuj homaj rilatoj kaj servoj, kaj el tiu ĉi reciproka sinhelpado rezultos pli da amikeco kaj estimo inter la gentoj, kaj foriĝos la baroj, kiuj malhelpas ilian pacan interkomunikiĝon. En tiu ĉi principo kuŝas la ĉefa graveco de via Asocio."

Li ĉeestis ankaŭ la malferman kunvenon de UEA en la postaj kongresoj: Antverpeno, Krakovo, Berno, kaj ĉiam interesiĝis je la agado de nia Asocio, kies gravecon rilate al la realiĝo de la interna ideo de Esperantismo li frue komprenis.

## Kondolencesprimoj

Tuj post ricevo de la konfirma telegramo pri la morto de nia kara Majstro, la *Centra Oficejo de UEA* telegrafe komunikis al Sinjorino Zamenhof la esprimon de sia profunda simpatio. Ĝi ankaŭ telegrafe transsendis la kondolencesprimon de la *Brita Esperanto-Asocio.*

Ĉe la entombiga ceremonio, la *Germana Esperanto-Asocio* estis reprezentata de majoro Neubarth, kiu paroladis ĉe la tombo kaj deponis funebran kronon.

S-ro R. de Saussure, prezidanto de la *Svisa Esperanta Societo,* sendis la jenan telegramon en la nomo de la societo:

„La tuta svisa Esperantistaro funebras hodiaŭ pro la morto de via genia kaj homama edzo kaj esprimas al vi sian profundan senton de danko por la Espero, kiun li postelasis al la renaskiĝonta homaro. Li vivos eterne en niaj koroj kaj en tiuj de la posteuloj."

Ni ricevis la jenajn kondolencesprimojn por transsendo al Sinjorino Zamenhof:

De la *Federacio Esp. de Lancashire kaj Cheshire*:

„Vortoj mankas por esprimi la doloron, kiun sentos la anoj de nia Federacio je tiu novaĵo. En la nomo de ĉiuj fidelaj samideanoj en la Federacio mi petas, ke vi transsendu al la familio de la Majstro nian koran simpation kaj profundan kondolencon. Parolante por ĉiuj mi povas certigi ilin, ke nia firma decido estas daŭrigi la sanktan laboron al kiu la Majstro dediĉis sian vivon kaj energion, kaj ke ni faros ĉion, kio kuŝas en nia povo por vigle antaŭenpuŝi nian karan aferon." — *J. D. Applebaum*, prez.

De la *Mezlanda Esp. Federacio* (Anglujo):

„Je la nomo de la M. E. F. ni deziras esprimi nian grandan bedaŭron kaj tutkoran simpation al Sinjorino Zamenhof, al ŝia familio kaj al la ĉiulanda Esperantistaro pro la perdo de la amata Majstro. Nur per la ĉiama klopodado por la sankta afero, ni povos esprimi nian amon al li, kaj ŝaton de lia senmorta verko." — *Cl. O. Taylor*, prez.; *W. H. Garbutt*, vicprez.; *F. W. Hipsley*, sekr.

De la *Londona Esperanto-Klubo*:

„. . . La mond' eterne militanta ne ankoraŭ konscias lian grandan elpensaĵon kaj vivlaboron, kaj estas treege bedaŭrinde, ke nia amata aŭtoro ne povos vidi la postmilitan, sendube universalan sukceson de Esp. Nian kordoloran simpation al Sinjorino Zamenhof kaj familio pri ilia perdo, kiu estas neriparebla por la tutmonda Esperantistaro. Ni senhalte, fidele laboros, ‚Ni semu kaj semu'. — *F. Moscheles*, prez.; *J. Bredall*, vicprez."

De la *Bradforda Esperantista Societo*:

„La B. E. S. ricevis kun tre granda bedaŭro la sciigon pri la morto de D-ro Zamenhof kaj deziras sendi esprimon de sia tutkora simpatio kaj kondolenco al Sinjorino Zamenhof kaj la tuta parencaro de nia Majstro. Bedaŭrinde la nunaj cirkonstancoj tute malhelpas la ĉeeston de multaj, kiuj volus ĉeesti la enterigan ceremonion, sed ĉe nia kunveno la ideo esprimiĝis, ke post la milito, se eble, la proksima internacia kongreso devus okazi, en la naskiĝurbo de D-ro Zamenhof por ke la Esperantistaro povu solene inaŭguri monumenton al la Majstro kaj denove dediĉi sin al la plenumo de la tasko al kiu li tiel glore instigis nin." — *A. Tuke Priestman*, Del.

De la *Jorka Esperanta Societo*:

„La Jorka Esp. Societo, eksciinte kun la plej profunda bedaŭro pri la morto de nia altestimata kaj respektegata Majstro, partoprenas solenan memorigan kunvenon, kaj sendas al Sinjorino Zamenhof kaj al la parencoj sian veran simpation. La perdo al la Esperantistaro estas neriparebla kaj neesprimebla, sed ni fidu al la nepra kaj daŭra sukceso de la laboroj de la forpasinto. Ripozu li nun pace; laboru ni senlace. — *W. F. Lawrence*, sekr.

De la *Bulgara Esperantista Societo:*

„En la nomo de ĉiuj bulgaraj Esperantistoj, la B. E. S. sendas al sinjorino Zamenhof siajn profundajn kondolencojn pro la perdo de nia Majstro. Feliĉe li postelasas en la tuta mondo legiojn de Esperantistoj, kiuj triumfigos nian karan ideon." — *St. Minkoff*, sekr.

De la *Lisbonaj Esperantianoj:*

„Mi rapidas prezenti al UEA, je mia nomo kaj je nomo de le Lisbonaj Esperantianoj, la esprimon de nia sincera kaj reala ĉagreno pro tiu bedaŭrinda okazintaĵo, kiu nun funebrigas la tutan Esperantistaron." — *B. Martins d'Almeida*, Del.

De la grupo *Aplech, Sabadell* (Hispanujo):

„Ni sendas la esprimon de nia malĝojigita simpatio pro la morto de nia altestimata Majstro, kiu estis honora prezidanto de nia societo de ĝia fondiĝo."

De la *Esperanto-Societo Rorschach* (Svisujo):

„Profunde emociitaj ni staras antaŭ la tombo de D-ro Zamenhof kaj priploras en kortuŝita partoprenado kun la doloro de la familianoj la fruan morton de nia Majstro. Kiel pacfondinto surtere li antaŭiris al ni ĉiuj en la eternan pacon. — *A. Haller*, Del.

De la *Studenta-Grupo de UEA, Capodistria:*

„... Granda kaj nemezurebla malfeliĉo trafas nin kaj ĉiujn Esperantistojn." Profunde kortuŝite ni sendas al la familio de la Grandulo nian profundan kaj sinceran simpation. — *A. Camuffo*, prez.

Tiu ĉi grupo decidis sin de nun nomi: *Studenta Grupo Zamenhof.*

Ni krom tio ricevis kondolencajn leterojn de S-roj *G-lo Sébert* (Paris), *I. Krestanof* (Davos), *Th. Audisio* (Rolle), *G. Nivard* (Del., Groningen), *B. Moroz* (Rastatt i. B.), *Jaime Ranxo* (Archena), F-ino *Anna Tuschinski* (Danzig), *Chr. Droogendijk* (Del., Stavenisse), k. a. — Pro manko de loko ni bedaŭrinde ne povas enpresi ilin.

## El la Esperanta gazetaro

.·. „*Germana Esperantisto*" (majo, eldono B). El artikolo de S-ino M. Hankel:

„La nobla koro de nia kara majstro ĉesis bati! Multe tro frue por ni, por la granda anaro de liaj adeptoj, kiuj lin amis kaj adoris. Ni volis, ke longajn jarojn ankoraŭ li vivu kaj vidu la kreskadon kaj la venkon de Esperanto, sed li ja vidis la venkon! La versaĵon: „Ho, mia kor'" li verkis antaŭ tridek jaroj, antaŭ la „decida hor'". Nun lia lingvo vivas sur la tuta tero kaj estas parolata de milionoj da homoj. Ĉie oni danke laŭdas la elpensinton, ĉie oni nun ploras kaj funebras. Nenia princo aŭ eminentulo tiom estis priplorata sur la tuta terglobo, ĉar Esperantujo estas lando senlima. Ĉie oni estas danka kaj fiera, ke tia homo ekzistis, ĉar D-ro Zamenhof estas ne nur geniulo, li ankaŭ estis unu el la plej bonaj, purkoraj homoj, kiuj iam vivis..."

.·. „*Le Monde Espérantiste*" (aprilo):

„... Ankoraŭ tro malmultaj estas la personoj konsciantaj la ĝustan signifon de nia movado, sed la postvenontoj komprenos, kia estis la homo hodiaŭ kuŝanta en ĵus fermita tombo. Ilia dankemo senrezerve iros al tiu, kiu, jam dum sia infaneco, kompatis la malkomprenon plej ofte ŝuldatan al lingva diverseco. Ili tiam benos la sinforgesemon de fervorulo oferinta sian tutan havon kaj dediĉinta sian tutan vivon al pacigaj ideoj. La Esperantistaro, kompreneble, jam nun akre bedaŭros lian malaperon, ĉar ni ĉiuj konis la genian aŭtoron de Esperanto, ni ĉiuj admiris lian modestecon, ni ĉiuj bezonis lian ekzemplon. Tial nia nuna devo estas honori la memoron de la bedaŭrata Majstro, provante imiti liajn virtojn kaj precipe tiun malprofitemon, kiu nepre signas la verajn apostolojn..."

.·. „*Svisa Espero*" (majo). El artikolo de D-ro J. Olŝvanger:

„... Zamenhof povis esti trankvila, ke la ideo de lingvo internacia kaj ke lia formo de tiu lingvo ne plu estas forigeblaj el la homa kulturo. Sed kun malĝoja koro li devis konstati, ke la plimulto de Esperantistoj favoras nur la ideon pure lingvan, kaj tute forgesas la pli altan ideon socian, kaŝitan en ĉiu sono kaj en ĉiu litero de tiu ĉi lingvo. Siajn ideojn kosmopolitajn kaj homfratajn li esprimis unue en ruse skribita libro: „La Hilelismo", kiun li eldonis sub la pseŭdonimo „Homo sum". Poste li esprimis tiun ideon esperante en la broŝuro „Homaranismo". Sed la mondo praktikema, la mondo ĉiun militiston des pli adoranta, ju pli da malamikoj li mortigas, ne trovis ĝis nun lokon en sia koro por la noblaj ideoj de Zamenhof..."

.·. „*Holanda Pioniro*" (majo):

„... D-ro Zamenhof estis genia homo. Ĉiu, kiu koniĝas pri lia vivoverko, la helplingvo Esperanto, devas tion konstati. Sed plue liaj animaj ecoj stampis lin je unu el la plej bonaj homoj kun la ĉefaj virtoj, kiujn ni estimas en homo. Kompatema, senprofitema, sindonema kaj oferema, li dediĉis sian tutan vivon al la celo, kiun li starigis al si. Sed lia modesteco retenis lin en la de li kreita movado okupi regantan ĉeflokon aŭ -rolon; li volis esti nenio alia ol simpla kunbatalanto. Eĉ en lingvaj demandoj li neniam altrudis sian propran opinion, li, kiu en tiu rilato sendube estis la plej kompetenta el ĉiuj, sed ĉiam donadis nur konsilojn. Lia afableco ravis ĉiun, kiu renkontis lin. Li estis homo kun granda spirito kaj granda animo..."

.·. „*Nederlanda Katoliko*" (aprilo-majo):

„... Nia Majstro ne plu estas! Ĉu vi povas imagi la signifon de tio, ke la granda pioniro, la neegoista laboranto, la genia kondukanto ne plu estas inter ni? Ĉu vi povas kompreni la grandecon de tiu perdo, ke por ĉiam malaperis la figuro, kiu inspiris nin ĉiujn, kuraĝigis kaj entuziasmigis nin, kiu donis al ni la forton por ne malvigliĝi en nia agado, malgraŭ ĉiu seniluziigo kaj eĉ malsukceso?... Nia Majstro bedaŭrinde ne plu povas esti vidanta la venkon de tiu ideo, sed en ni, Esperantistoj — kiuj energie kaj kuraĝe daŭrigados lian laboron, la propagandon de lia ideo, kiu per Esperanto ankaŭ estas la nia kaj kies realigon ni esperas per Esperanto atingi — ĉiam vivados la spirito de D-ro Zamenhof, kiu gvidados ĉiujn niajn penojn kaj klopodojn, ĉiun nian laboron, kiu donos al ni forton kaj kuraĝon okaze de malsukceso, kaj kiu inspiros nin je ĉiam pli vigla, ĉiam pli intensa propagando..." (J. P.)

.·. „*British Esperantist*" anoncas, ke la junia kajero estos dediĉata al D-ro Zamenhof.

# Esperantia Parolejo

## Atentigo pri trompisto

En „*Esperanto*" de 20 januaro 1914, paĝo 15a, 1a kol., ni jam atentigis la Esperantistojn pri lu serba Esperantisto nomata *Budjevac*, kiu pruntepreni monon de kelkaj anglaj, belgaj kaj nederlandaj Esperantistoj kaj neniam redonis ĝin, ne pagis hotelon, k. t. p. Tiu ĉi nedezirinda Esperantisto, kiu ankaŭ uzas la nomojn *Ilić* kaj *Jovanović*, eble ankaŭ aliajn, reaperis en Svisujo, kie li denove trompis Esperantistojn en diversaj urboj. Oni nepre sin gardu kontraŭ li. Priskribo: ĉirkaŭ tridekjara, malgrasa, senbarba (sed kun lipharoj), pala, altkreska, dubenigraj haroj; flue parolas Esperanton.

## Oni laŭdas!

.·. S-ro *E. B. Johnson*, el Portsmouth, esprimas sian sinceran dankon al S-ro M. Arabeno, Del. en Genova, pro liaj afablaj servoj dum vizito al Genova.

.·. S-ro *Creston C. Coigne*, Vicdel. en New York, esprimas sian plej koran dankemon al S-ro John A. Sheil, Del. en Washington, pro lia granda afableco dum vizito al la ĉefurbo de Usono.

.·. De S-ro *Bruno Riflingo*, dumviva membro de UEA, Bekkelaget (Norvegujo): „De oktobro 1916 ĝis aprilo 1917 mi faris duonjaran restadon en Germanujo, kaj tial mi havis la plej bonegan okazon konvinkiĝi pri la grava utilo, kiun oni havas per UEA. Precipe al ĉi tiuj Delegitoj mi volas ĉi tie esprimi mian koran dankon: S-ro Otto Reinecke, Hannover, F-ino Martha Rabe, Berlin, S-ro Franz Döring, Charlottenburg, S-ro Hermann Frohns, Peine, S-ro Edmund Nicolai, Dresden, kiu eĉ gastigis min dum du semajnoj en sia domo. Krom tio mi ŝuldas koran dankon al ĉiuj aliaj samideanoj, kiuj invitis min kaj faris al mi la restadon vere plena de plezuro kaj ĝojo."

# Niaj Mortintoj

La jenaj samideanoj mortis sur la batalkampo. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.

**Giraudeau**, el Parizo (Franc.).

**Herrmann**, membro N-ro 2577, el Magdeburg (German.).

**Nerson**, el Parizo, (Franc.).

* * *

S-ro **Henri de Coppet**, unu el la plej malnovaj Parizaj Esperantistoj, agema propagandisto, prezidanto de la grupo „La Dek-Sepa", mortis ĉe boatakcidento sur la rivero Seine. Li estis multe helpinta por la akcepto de Esp. ĉe la franca Turing-Klubo Estas tre bedaŭrinda perdo.

Ni ankoraŭ eksciis kun bedaŭro pri la morto de S-roj **Bierstedt**, malnova membro de UEA en Dresden, **C. Hes**, Del. de UEA en Amsterdam, **V. Hein**, eksprez. de la „Verda Stelo" en Kiew (Rusujo), membro N-ro 4029, kunlaborinto ĉe diversaj Esp. gazetoj, **P. Perez Valle**, prezidanto de la societo „Paco kaj Amo" en Barcelono, tre fervora kaj sindonema propagandisto.

Ni kun ĉagreno estis informitaj pri la subita morto de **Sinjorino Boirac**, edzino de nia ŝatata samideano, Rektoro Boirac, prezidanto de la Esp. Akademio, kiu en la komenco de la milito jam havis la doloron, perdi sian filon sur la batalkampo. Al nia kruele frapita samideano ni sendas la esprimon de nia kora simpatio.

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. bfl = *poŝtmarko sur bildflanko*.

ASTRAĤAN (Rusujo). — S-ro O. Sariĉev, Gorodskaja bolnica, PI, L.

BELGA ARMEO. — S-ro Joseph Delory, P. S. C. 104, Ar. Belge. L, PK (kun junulino, prefere svisa).

BERESOWKA ZABAJKALSK (Orienta Siberio). — S-ro Csiky Mihály, hungara militkaptito el Szeged; Bar. 73, Rotte 200.

BOMHUS (Svedujo). — S-ro Gustav Jönsson, Od-filial 2, PI (kun ĉiuj landoj, prefere kun samideanoj el la laborista klaso).

CHICAGO (Usono, Ill.). — F-ino F. J. Kovarik, 2502, S. Kedzie Ave., PI, L.

ELBING (Germanujo). — F-ino Gertrud Ebstein, Alter Markt 10/11, PI, L (kun membroj el ĉiuj landoj).

HARDERWIJK (Nederlando). — S-ro Louis Uytdenhouwen, 5me ligne 2/3 kaj S-ro François Huon, Comp. cycliste, Baraque 31, belgaj internigitoj, PK (kun svisaj Esp-istoj).

KARLSTAD (Svedujo). — S-ro C. Lindahl, Olovsgatan 240, PI, PM (kun ĉiuj landoj).

KISLOVODSK (Rusujo, Kaŭkazo). — S-ro Uspenskij, 16, Ĥludovskaja, PI, PM, L (ilust. gaz., koresp. pri diversaj temoj).

MANCHESTER (Usono, N. H.). — S-ro A. Zubkus, ŝuisto, 220, Lake Ave., PI.

MANCHESTER (Usono, N. H.). — S-ro Vackimes Nickles, ŝuisto, 176, Chestnut St., PI.

MONTEVIDEO (Urugvajo). — S-ro Modesto Pernas, 1370, Av. Gonzalo Ramirez, PI, L.

MONTEVIDEO (Urugvajo). — S-ro José Alvarez Garcia, 1020, Av. 18 de Julio, nur PI, bfl.

MONTEVIDEO (Urugvajo). — S-ro Juan V. Bouzas, tipografiisto, 1583, str. Cebollati, L, PI, bfl (kun ĉiulandaj sammetianoj).

MONTEVIDEO (Urugvajo). — „Esperanta Grupo Montevideo", 1258, str. San José (akceptos por sia ekspozicio PK de eksterlandaj samideanoj; interŝanĝe ĝi sendos nur unufoje PI de Montevideo).

MOSKVO (Rusujo). — S-ro Tirkeltub, Sofija 11, Kv. 8, PI (kun junuloj PM, bfl).

OREL (Rusujo). — S-ro Boris Popov, Bolŝaja Meŝĉanskaja, dom. Larionova. Nur per L (serĉas konstantajn ĉiulandajn gekorespondantojn pri temoj, kiuj donas eblecon bone interkonatiĝi, ekz.: pri nia lingvo, pri moroj kaj vivkutimoj, pri etikaj kaj politikaj demandoj, k. t. p.).

PETROGRAD (Rusujo). — S-ro Nik. Semenov, storona, 5, Geslerovskij, kv. 50, PI, L.

ROTTERDAM (Nederlando). — Nederlanda fraŭlino kun rusaj fraŭlinoj. Adr.: P. J. Droogendijk, Comm. der Post en Tel. Rotterdam.

STOCKHOLM (Svedujo). — S-ro H. Haldor, redaktoro „Trädgården", Majorsgat. 9 (kun ĉiulandanoj).

VORONEJ (Rusujo). — S-ro Podŝivalov, 1a reala lernejo, PI.

VORONEJ (Rusujo). — S-ro M. N. Gozjanov, 1a reala lernejo, 6a klaso PI, PM (sendas PM el Montenegro, Serb-, Ruman-, Bulgar-, Ĥin-, Turkujo).

## PETOJ KAJ PROPONOJ

AVIZO: Pro la nunaj cirkonstancoj ni ne akceptas komercajn anoncojn el la militantaj landoj.

CENTRA ESPERANTA LIBREJO de S-ro *J. L. Bruijn*, Paul Krugerlaan 37, 's-Gravenhage (Nederlando). Katalogo senpage ricevebla.

EKSPOZICIO. — Ĉiuj Esperantistaj presistoj, eldonistoj kaj librovendistoj bonvolu sendi katalogojn, Esp. presaĵojn aŭ ian ajn Esperantaĵon al la ekspozicio organizata de Esperanta Grupo Montevideo, 1258, str. San José, Montevideo (Urugvajo).

ESPERANTAJ POEMOJ aperis, de C. Chr. Droogendijk, Del. UEA, Stavenisse (Nederlando). Prezo: 0.20 Sm. Havebla ĉe la verkisto post ricevo de du internaciaj respondkuponoj.

INFORMO. — *Frans de Backer*, el Antverpeno, nun internigita en Holando, havas la plezuron, sciigi al siaj Esperantistaj geamikoj, ke la 25 aprilo pasinta, li edziĝis en Amersfoort kun Fraŭlino *Maria de Wieuw*, ankaŭ el Antverpeno. Li samtempe petas, ke de nun oni bonvolu skribi al li laŭ la jena adreso: Frans de Backer, internigita belga soldato, 10, Gerrit van Stellingwerfts, Amersfoort (Holando).

KORESPONDADO. — F-ino Zoila E. Moran, dez. interŝanĝi PI kun tutmondaj gesamideanoj; ŝi speciale korespondos pri la temo: kiel devas esti la perfekta virina tipo, kiu estos la nova subtenanto de nova kaj alta civilizacio.

MIGRANTAJ KARTOJ, 6 por 50 Cts. (0. 20 Sm.), 25 por 1. 25 Fr. (0. 50 Sm.) ĉe E. H. Becker, 332, Third Ave., Daytow, Kentucky, Usono.

# Karaktero

Ĵus aperis la 5a plibonigita kaj reviziita preso de **„Karaktero"** laŭ M. J. van Stipriaan Luiscius, advokato en Hago. En tiu moral-filozofia verketo, la aŭtoro pritraktas en 27 ĉapitroj la proprecojn de bona karaktero. Tre interesa por ĉiuj, kiuj sin okupas pri la demando de karakterformado. Prezo afrankite 0,30 guldenoj (3 int. respondkuponoj) ĉe la eldoninto *J. L. Bruijn*, Paul Krugerlaan 37, *Hago* (Nederlando). Respondkuponoj, transpagiloj akceptataj.

PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO